# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

28a jaro — OKTOBRO 1976 — N-ro 5


*Britio kaj ĝiaj fervojoj.*

## IFEF KOMUNIKAS:

"Jen ni prezentas la novan dukoloran [1] afiŝon (21 x 14,5 cm), kiun la junularo elektis kaj la komitato konfirmis en la kongreso de Skelleftea.
La afiŝo estas uzebla en ĉiu lando por ĉiuj okazoj. Necesas nur aldoni la deziritan tekston aŭ en nacia lingvo aŭ en Esperanto. Al ĉiuj mendintoj la afiŝoj estas intertempe distribuitaj. La kostoj estas 0,30 GM por folio. Certa provizo restis kaj ankoraŭ estas havebla ĉe la sekretariino.

(1) La stelo estas en verda koloro.



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

**Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO**
**Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO**
**Bankkonto: Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO**

## 29-a KONGRESO DE IFEF – 13-a - 20-a Majo 1977
## en The Hayes Conference Centre, SWANWICK, Derbyshire, BRITIO

Adreso de LKK: 25 Mars Street, Smallthorne, Stoke-on-Trent, Britio.

Oni nun rajtas diri ke la kosto de la 7 tag/nokta restado estos £ 30.00. La direktoro estas certa ke li povos je tiu prezo aranĝi bonajn menuojn. Kaj tiuj menuoj estas por anglaj matenmanĝoj: 11.00 kafo, tagmanĝo je 13.00, la angla te-manĝo je la 16.00, kaj vespermanĝo je 18.30. Do, eĉ la nuntempaj britoj supozas ke la prezo estas malalta. La Hayes apartenas al firmo ne-profitema (strange?) kies akciojn tenas ĉefe religiaj organizaĵoj. Sed ankaŭ la tre bona organizado de la direktoro, s-ro Milne, estas grava kontribua fakto. Kompreneble la klientoj iomete helpas en tio per la ordigado de siaj litoj ktp.

La gastoj kiuj trinkas teon sidas je unu duono (aŭ unu triono) de la tabloj, kaj la kaftrinkantoj sidas je la alia parto. (Mi ne scias ĉu eble iuj dezirus trinki miksaĵon de teo kaj kafo; se jes, sendube ili sidu meze.) Kaj la gastoj prenu mem la unuan pladon – cerealon aŭ sukon – de la flanktablo kiam ili eniras por matenmanĝi. Tiuj aferoj multe helpas redukti la nombron de geservistoj.

The Hayes situas en propra granda bieno en kies kampoj rajtas promeni la gastoj, sed post trairo de kradpordo oni nepre fermu ĝin. (gate, prononcata "gejt" en la angla). Ĉar en iuj kampoj



*The Hayes Conference Centre*
*Swanwick – Derbyshire – Britio*

paŝtas la bovinoj el kies lakto oni produktas la buteron por la manĝejo.
Estas litĉambroj por 350 personoj (kaj kelkaj infanoj) en la kongresejo, do estas konsilinde aliĝi sufiĉe frue, ĉar la hoteloj estas 4 aŭ 5 kilometroj for de la kongresejo. Por havi la malmultekostan pensionon, la LKK devis garantii ke okupiĝos preskaŭ ĉiuj litĉambroj. Kaj ĉar ĉiuj eventoj escepte de la ekskursoj okazos en la kongresejo, estos tre oportune loĝi tie.
Vi eble rimarkis ke ne estas loko por la dato sur la aliĝilo, ĉu? (Nia kontrolisto NE rimarkis tion kiam li kontrolis.) Ne tro gravas, sed povus helpi se vi skribus la daton apud via subskribo.
Kaj se vi estas vegetarano – kiel du kiuj jam aliĝis – skribu "vegetarano". Se vi estas unu el tiuj vegetaranoj kiuj deziras ke siaj vegetaĵoj estu unue maĉitaj de iu besto NENION aldonu al la teksto de la aliĝilo.
Estas bufedo en la kongresejo kie oni povas aĉeti aŭ bieron aŭ senalkoholan trinkaĵon. Kaj mi povas atesti ke la biero estas pli forta kaj malpli kosta ol iu ajn biero kiun mi trinkis en aliaj landoj. (Sed kompreneble la gastoj en La Verda Stelo ĉiam grumblas pri la altiĝanta prezo de biero.)

Vi eble ankaŭ notis kaj miris pri la kvadratoj en kiuj oni indikus ĉu oni parolas flue, sufiĉe flue, malmulte, aŭ tute ne en Esperanto. La ideo estas por helpi la "iomete-ulojn" pli kompetentiĝi dum la kongreso. Sed kompreneble tiuj kiuj intencas partopreni havas tempon de nun multe progresi antaŭ la kongreso. Kaj se iuj dezirus klason, ni trovus kompetentan instruiston kiu helpos ilin.

En mallonga distanco de la kongresejo estas la "Midland Railway Centre" kie estas bona kolekto de lokomotivoj, var- kaj pasaĝervagonoj, kaj aliaj tre interesaj objektoj de la iama Midland Railway Company, kiu en 1920 aŭ '21 estis unuigita kun la North Staffordshire Railway, la London & North Western, L & Y (Lancashire and Yorkshire), Hull and Barnsley, Barrow and Furness, Highland, kaj aliaj skotaj fervojoj por esti la "London, Midland and Scottish Railway". Vi eble rimarkis ke mi menciis la NSR (North Staffordshire Railway) antaŭ la L & NW, L & Y, kaj la aliajn. Tio estas ĉar mi komencis labori ĉe la NSR en la jaro 1908, kaj ni ĉiam kredis – kaj diris – ke la "Knotty" (Nodo), (karesnomo de la NSR, ĉar la emblemo estis la "Staffordshira NODO" ∞ ) estis la plej bona fervojo de la lando kaj la mondo.
Certe ĝi estis la unua kiu instalis elektrajn lampojn, kaj aŭtomatajn bremsojn en ĉiuj pasaĝeraj vagonoj. Jes, sed la Midland ĉiam fanfaronis pri la beleco, pureco kaj komforto de siaj vagonoj. Ha, nu!

Ni jam korespondis kun la sekretario de la nuntempa "Midland Railway Co." (volontuloj) kiuj prizorgas la centron, pri vizito/j al la centro. Nostalgie mi vidis la notpaperon de la MR Company, kiu havas je la supro la "Wyvern" (Ujvern) de la malnova MR. La uniformitaj fervojistoj havis tiun "Wyvern" sur la ĉapoj. La wyvern estas mita, flugilhava drako.
Sed mi sonĝas! Prefere mi iomete diru pri la kongresa programo, kiu ne estas finplanita, sed la provizora plano enhavas erojn pri kiuj mi rajtas skribi:
La interkonatiĝa vespero kompreneble estos je vendredo la 13a; sabaton matene okazos la Solena Malfermo, fotado ktp. Vespere oni prezentos muzikon kaj dancadon de partoj de la Britaj Insuloj, Irlando kaj Kimrio. Dimanĉon

okazos Diservo, laboro, ekskurso aŭ futbalmaĉo, kaj la Internacia Balo vespere. TIUJ KIUJ HAVAS NACIAJN KOSTUMOJN bonvolu kunporti. Mi kredas ke koloraj naciaj kostumoj allogos la televidistojn. Ne estas finplanitaj la ekskursoj al Crich kaj Stoke-on-Trent ĉar ni atendas konsentojn pri strato/j Esperanto. La Fakprelego okazos mardon — kaj plej eblej la duontaga al S-o-T. Vespere merkredon estos la dua prezentado de Britio, t.e. Anglio kaj Skotlando en muziko kaj danco. La bankedo (inkluzivita en la £ 30.00) kaj la fermo de la kongreso, okazos en la kongresejo, post reveno de York ĵaŭdon. Kongresanoj kiuj vojaĝos de St. Pankras tra Luton, Leicester kaj Nottingham estos sur la ĉeflinio de la malnova Midland Railway.

L.K.K.

*Reto de subtera trafiko en Londono.*

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## ITALIO

**I.F.E.A. Komunikas al vi:**
Nun la dua LITERATURA FOIRO de la finna periodo.
Kun eksterordinara akurateco aperis la aprila numero de la revuo ĉefredaktata de Giorgio Silfer, la 36a ekde junio 1970.
Rimarkebla estas la historio de unu el la unuaj literaturaj konkursoj, okazinta en Barcelono dum la 5a U.K. en 1909, karakteriza pro la kunfando de du literaturaj tradicioj, tiu trobadora de katalunoj kaj tiu, tiam naskiĝanta, de Esperanto-literaturo. Estus dezirinde ke LF nin donos pli ofte ĉi tiujn skizojn pri la unuaj paŝoj de nia literaturo.
La lasta intervjuo kun Kolomano Kalocsay donas vivan impreson pri tiu ĉi laste malaperinta "granda maljunulo" kaj nin allogas la promeso de la aperado, en unu el la venontaj numeroj, de poemo de Poliziano, la fama itala poeto de la XVa jarcento, kies traduko estis donita de Kalocsay en ekskluziveco al "Literatura Foiro".
En la "vitrino" Hartmut Trunte, celante alporti pozitivan kontribuon al la tradukarto, kritikas la tradukon de la Bosnia muzulmana popolbalado "Hasanagaino", ĵus reeldonita en Sarajevo.
Kompletigas la numeron 36 de la revuo diversaj verkaĵoj, ĉu el la belartaj konkursoj 1975, ĉu el la, bedaŭrinde ankoraŭ ne publikigita, poemkolekto "Amiko gaja" de Nicolino Rossi.

Gianluigi Gimelli.

LITERATURA FOIRO estas abonebla ankaŭ ĉe: "L.F.", Via Pantano, 17 I-20122 MILANO (Italio) (P.ĉ.k. n-ro 3/53777), ĉe I.F.E.A., Sekretariejo Via Donato Creti, 61 – I-40128 BOLOGNA (Italio) (P.ĉ.k. n-ro 8/24094),
aŭ rekte al P.L. 243 - 70101 KUOPIO 10 – Finnlando.
Tutjara abono: 12 ned. guldenoj.

## FRANCIO

**18a IFES – LES GETS.**
En la provinco Savoie, inter Ĝenevo kaj itala limo, Les Gets (pron. 'le ĵe') akceptos de la 22a ĝis la 29a de januaro 1977 la gepartoprenontojn al la venonta skisemajno.
Aliĝiloj estas haveblaj ĉe landaj asocioj kaj ĉe la respondeculo en Francio.
Sed atentu, komence de oktobro jam aliĝis pli ol 30 personoj (entute estas nur 60 lokoj). Ankaŭ jam estas rezervitaj ĉiuj 2 litaj ĉambroj. Ne prokrastu vian aliĝon.

Les Gets estas atingebla tra stacidomo CLUSES (linio Aix-les-Bains St Gervais). Tie oni povas trafi aŭtobusojn je tiuj horoj: 6.20, 7.45, 8.20, 9.05, 16.50, 18.05.
Adreso de la gastiga domo: Chalet Montana 74260-Les Gets (tel. 15 15 50 79 91 11 en Morzine kaj 40 en Les Gets).

Gerard HORN
16 rue Denis Papin
F 93250 Villemomble

# FERVOJAJ NOVAĴOJ

## AŬSTRALIO

La Aŭstraliaj Fervojoj enkondukis kiel novan bileton la "Austrailpass", kiu kostas 70 aŭstr. dolarojn kaj validas sur la tuta reto dum du semajnoj en la unua klaso. Plilongigo ĝis tri monatoj kontraŭ pluspago eblas.

## AFRIKO

La Zairaj Fervojoj (SNCZ) post organizaj ŝanĝoj disponas pri reto de 5.250 km, el ili 858 km elektrizitaj. Oni intencas la konstruon de novaj trakoj kaj centre funkciotan gvidadon de la forte frekventata linio Tubumbashi-Kolwezi.

## AMERIKO

**Washington.** Subtera fervojo (Metro) estas konstruata. Ĝis 1981 funkcios 158 km linioj kun 86 stacioj. Kostoj: 4,4 miliardoj da dolaroj. Preskaŭ finita estas 7,4 km kun 4 stacioj.

**Caracas.** La registaro de Venecuelo konsentis la konstruadon de 48 km longa urba fervojo, parte subtera.

**Santiago de Chile.** Urba fervojo kun kvin linioj estas konstruata. Sur la unua linio inter Moneda kaj San Pablo kursos vagonaroj kun pneŭmatikaj radoj.

## AZIO

**Tokio.** La Japanaj Fervojoj perfektigos la konstruadon de la linio Nakhodka - Ugozinya samkiele la Sovetaj Fervojoj daŭrigas la konstruadon de la transsiberia fervojo por plibonigi la transporton de konteneroj inter Japanio kaj Eŭropo. Nuntempe necesas 30 - 35 tagoj de transportdaŭro. La kostoj estas malpli altaj ol per nura martransporto.

**Baghdad.** La Iraka Ŝtato projektas grandstilan plibonigon de la fervoja reto, i.a. la konstruon de novaj linioj, de nova manovra stacio apud la metropolo kaj la aĉeton de novaj vagonoj kaj lokomotivoj.

Komp. de W. Barnickel el PERINFOR.



## FERVOJISTA KORESPONDA SERVO

Vi ne trovas anoncetojn pri korespondado en la organo de I.F.E.F. sed F.K.S. estas ĉiam je via dispono por helpi vin. Enskribiĝu senpage, petu korespondant-inojn en via preferata lando, kun temoj deziroj, k.t.p., ne forgesu aldoni respondkuponojn aŭ francajn pm. Ni havas nun multajn petojn por nordaj landoj, de Britujo ĝis Svedujo. Ni provos solvi la problemojn por la landoj en kiuj la poŝtaj respondkuponoj ne estas aĉeteblaj. Fervoja Koresponda Servo, 76 rue Bataille, 69008 LYON.

# ANONCOJ

**INTERNACIA RENKONTIĜO DE FREINET-EDUKISTOJ.**

De la 2a ĝis la 15a de aŭgusto 1976 okazis en Płock (Pollando) la 9a Internacia Renkontiĝo de Freinet-Edukistoj (RIDEF). Partoprenis en ĝi pli ol 150 edukistoj el 12 landoj, kiuj uzis nur la polan, la francan kaj la Esperantan lingvojn.
Dank' al Esperanto, kiu permesis fruktodonajn kontaktojn, tiu renkontiĝo bone sukcesis kaj atingis siajn celojn: intime konatiĝi kun Pollando, travivi la Freinet pedagogion uzante ties fundamentajn teknikojn, praktike uzi esperanton.

La venonta renkontiĝo kun la samaj celoj okazos en Lisbono (Portugalio) dum la dua duono de julio 1977. Se vi deziras pliajn informojn, kaj ĉefe se vi antaŭvidas eblecon partopreni, skribu **tuj** al:
Henri MENARD, Le Pallet F-44330 VALLET (Francio). (Ĉiun jaron ni devis rifuzi samideanojn, kiuj sin anoncis tro malfrue).



**LASTMINUTE . . . ! ! !**

Ĝis la 7a de oktobro jam aliĝis 70 personoj al la IFEF-Kongreso en Britio.

# GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**La redaktofino por la venonta IF estas 22.11.1976.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.